*Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.* rspring@tpg.com.au

# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**

**PLENUMITA 21/02/2019 Kvarcentdekkvara eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

***Uzindaj ligoj.*** *openclipart. * *reta-vortaro _ *Freelang Vortaro* *Plena Ilustrita Vortaro* * Google Translate* * Pasintaj AE eldonoj* * Duolingo * duolingo all courses * lingvohelpilo* *PMEGramatiko* * Esperanta Retradio* *Esperanta himno*

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Entute 775,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas 356,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)
Nun studas 308,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)
Nun studas 111,000 lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.".

### N.ro 56 (La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay)








Krom ke ni ne bezonas dividi la verbojn en agajn kaj statajn, ĉar ĉiuj estas agaj, ni neke bezonas dividi ilin en ordinarajn kaj kopulajn, nek atribuajn verbojn. Ĉiuj traktatas egale. Grupeto de sep verboj estas modaj helpverboj, same traktataj egale, kvankam ili funkcias gramatike kiel sufiksoj. Ili ĉiam sekvatas de infinitivo, sed multaj aliaj verboj ofte sed ne necese sekvatas de infinitivo.

Nur efikas la gramatikajn regulojn la divido en transitivajn kaj netransitivajn verbojn. Eĉ tiun dividon Zamenhof malŝatis kaj deziris forĵeti, sed li ne povis ĉar la eŭropanoj ne facile komprenus tiun radikalaĵon, kvankam ekz. la hispana povas uzi prepozicion anstataŭ akuzativo. Sed li cedis al la aliaj eŭropanoj. Konsekvence ni devas lerni pri ĉiu verbo ĉu ĝi estas transitiva aŭ netransitiva, ĉar nur la unuaj



povas ĉehavi Gramatikan Objekton, kiu cetere ricevas la specialan finaĵon "-n". Eĉ post la publikigo de Esperanto li plu pledis por nuligo de la netransitiveco.

*Marcel Leereveld*





# La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagota kafo atendos vin. La 16a de februaro estis la tria sabato. *Roger Springer*

Ni ja havis ĝuindan renkontiĝon sabaton.

Iam, mi ricevas ĵurnalon "Nova Urbo", Socikultura bulteno de Fokolar-movado, kiu enhavas kelkajn mallongajn artikolojn kun diversaj temoj.

Do por praktiki prononciadon kaj vorteblecon, la anoj tralegis interesan tekston, "Sirio: leviĝi el cindroj". Tiu estis bona ekzercado por ni ĉiuj.



Defio - certe. Sed la peno bone placis al ni. *Chris Holliss*



# M i a ĝ a r d e n o p l o r a s !

**JEN LA KIALOJ :**



("kialo" estas la demando por ricevi la "tialon", *the reason*).

**Kial** ?

Kial ni havis en la pasinta jarcento tre klerajn Esperantologojn, kiaj Waringhien kaj Kalocsay kaj aliaj kleruloj, kiuj kapablis kompreni kaj klarigi preskaŭ ĉiujn problemojn de la gramatiko de Esperanto, dum tiaj kleruloj mankas en la nuna jarcento? Neniu nuntempa Akademiano estas sufiĉe klera por fari tion. Ili ne solvis, kaj ofte eĉ ne komprenas, la problemon de la kvar malsamaj signifoj de la prepozicio "de". Kial? Ili plu ne solvis, kaj ofte ne komprenas, la problemon de la verba pasiva voĉo. Kial? Ili ne lernis de niaj antaŭuloj. Kial? Normale novaj generacioj lernas el de la malnovaj generacioj, sed en Esperantujo tio evidente ne estas la kazo. Kial? En aliaj fakoj oni lernas el de la antaŭaj generacioj. Kial ne en Esperanto? Ĉu la Esperantistoj estas hazarde malpli kleraj ol la resto de la homaro? En la pasinta jarcento la kleruloj ne povis sufiĉe solvi tiujn problemojn, ĉar tiam oni ankoraŭ ne konis la Esperantan Regulon pri Signiforedukto, sed nun oni konas, kaj tamen ne solvis la problemojn. Kial? Ĉu la Akademianoj perdas sian tempon ludi pri neologismoj kaj pri adaptiĝo al la angla kaj franca lingvoj? Kial ili ne sufiĉe seriozas pri Esperanto? Kial? La nuntempa lingvisma literaturo pri Esperanto estas ridinda. Kial? Ĉu ili cedis al la amaso de nature nesciencemaj Esperantistoj, kiuj plenforte traktas Esperanton kiel etnan lingvon? Ĉu ili senesperas? Kial? Mi timtremas.

*Marcel*.

**SANKTA LUĈIO .**

Mi petas pardonon pro litereraro en la itala parto de la kanto (312): la vorto "lucicha" devas literumi "luchica". Mi krome nun sendas la duan strofon, kiun mi tradukis mem:

| itala | Esperanta |
|---|---|
| *O dolche Napoli! O suol beato!* | Napol' dolĉega! Grund' adorata! |
| *Ove sorridere volle il creato.* | Kie l'homar' estas ĝojplenigata. |
| *Tu sei l'impero de l' harmonia.* | Ci l'imperi' estas de l' harmonio. |
| *Sancta Lucia, Sancta Lucia!* | Sankta Luĉio, Sankta Luĉio! |

*M. L.*

**APLAŬDO AL ROĜERO !**

Mi aplaŭdas kaj samopinias centprocente kun la saĝaj vortoj de Roger Springer:

"Nur Esperanto povas nuligi lingvan diskriminacion ĉar ĝi ne havas kulturon"

Mi klarigos funde en aliloka artikolo. *Marcel*.

**LETERO DE PASINTA KLERULO .**

Mi publikigas ĉi sube leteron kiun mi ricevis, antaŭ deko da jaroj, el de amiko Rŭdiger Sachs, dum sia vivo tre konata klerulo pri Esperanto (kaj profesoro pri tropikaj bestmalsanoj). Li estis la patro de Martina. Mi korektis kelkajn "preserarojn":

Kara Martselo!

Eĉ trifoje mi trovis en via almetaĵo ĉe via lasta letero – pro kio mi treege dankas - artikolon pri temo, kiu min ne nur momente sed jam delonge okupas: propraj nomoj, -ujo/-io, nome en viaj "La kazo kontraŭ "-io", "Cu –ujo? Ĉu –io?" kaj "Geografiaj nomoj".

Mi neniam volis tuŝi tiun jam ofte kaj ekde pratempo de Esperanto 'ankaŭ de la kreinto de nia verda lingvo mem' pritraktitan kaj dishakitan temon de landnomoj. Sed ne nur dum traduko de la libro "Ĵim' la leopardo" sed ankaŭ dum mia laboro pri parazitoj estas esence nomi klare la landojn en kiuj okazas tiuspecaj malsanoj.

Vi klare diris ke vi preferas la uzadon de "-ujo" anstataŭ "-io" (ankaŭ mi). Ne nur ke la lasta vorto por mi estas danĝera malsano, la tuta afero ŝajnas al mi danĝera lingvaĵa malsano. Ĉar la kaŭzo de la ŝanĝo de –ujo al -io ne estas klara, ĝi eĉ kontraŭis la konsilon de la lingva komitato.

Kelkaj diras, ke ili vidas per –ujo iun arbon, al kiu pendas francoj, germanoj, poloj. Aliaj vidas en la vortoj Francujo, Germanujo, Polujo grandan keston aŭ konteneron en kiu troviĝas francoj, germanoj, poloj. Same stulta estas la eldiro de tria grupo, kiu trovas "-io" "pli internacia" ol la sufikso –ujo (komparu la nomojn de la landoj: kiam vi trovas internacie iun io-similan '?). Kvara grupo vortfarade ludas: se Francujo estas lando tiam (post forigo de –o kiel substantivo kaj -uj kiel landsignifa sufikso) sekvas, ke franco estas homo kiu parolas france kaj

havas francan aŭtomobilon. Aliflanke, se la lando nomiĝas Francio (post forigo de –o kiel substantiva finaĵo ja ne ekzistas rajto nun forpreni ankaŭ la fakte "verban finaĵon" –i) sekvas, ke la enloĝanto estas franciano, kiu parolas francie kaj veturas per francia aŭtomobilo.

Damne, kien estas iranta nia klara kaj senescepta Esperanto? Kara PIV, helpu nin! Sed kion oni trovas? Bona difino por –uj: afero kio laŭ sia destino ĉiam denove repleniĝas per tio, kion esprimas la radiko". Tion ja faras Francujo, Germanujo, Polujo! Per nasko de francoj, germanoj, poloj! Kelkaj homoj el iamaj afrikaj kolonioj ankaŭ ĉiam denove replenigas Francujon, de ili kelkaj eĉ ricevos francan pasporton kaj fariĝos francoj. Kaj multaj de iamaj gastlaborantoj, futbalistoj, fuĝintoj kaj la ŝajne nun absolute necesaj komputilspertuloj (kiujn Germanujo laŭdire ne povas produkti mem) daŭre replenigas Germanujon; kelkaj el ili ricevos pasporton germanan kaj fariĝos germanoj. Ĉu vere gravas etno, devenlando, haŭtkoloro? Ili poste estos germanoj, aŭ, se la Esperantistaro tion volas, germanujanoj kiuj bone aŭ malbone parolas la germanan kaj, post mallonga tempo, posedas germanan aŭtomobilon.

Por eviti la daŭran "-io" ni denove enmanigas al ni nian amatan PIV-on, kaj ni trovas la 3-an punkton de la sufikso "-ujo" "landon loĝatan de la popolo montrata de la radiko". Fino. Punkto. Kial nun diskuti pri etno, raso, praenloĝantoj?

Jen! Kaj same kiel precize demonstras la Zamenhofa frazo "ne ĉiu rusujano estas ruso" rajtigas nin diri "Ne ĉiu francujano estas franco, ne ĉiu germanujano estas germano, ne ĉiu polujanio estas polo", nome ĝis tiam, kiam li aŭ ŝi ricevas la koncernan landan pasporton kiu faras lin franco, germano aŭ polo, respektive kiu faras ŝin francino, germanino, polino, senrespekte de devenlando, etno, raso, haŭtkoloro. Prave ke la lingva komitato dufoje rifuzis oficialigi la sufikson "-i-" kaj eĉ protestis kontraŭ ĝia uzado en tia okazo, kio ne malhelpis ĝian disvastiĝon. Rŭdiger. *(kopiita de Marcel Leereveld).*

## ĈERPI PLI PROFUNDEN EN LA GRAMATIKO. DUA PARTO.

Mi donas al vi la plej kutimajn specojn de la aglutina vortpluformado en Esperanto. La unua kaj la dua , kaj ankaŭ la du duonaglutinaj, okazas ankaŭ en la ĝermanaj lingvoj, inkluzive de la angla, kiu enkondukis esceptojn neuzatajn de la aliaj aglutinaj lingvoj.

1a. SPECO. La radiko de analiza substantivo (la ĉefelemento) kun la radiko de prepozitivo (la flankelemento) kungluiĝas tiel, ke la ĉefelemento situas post la alia. Ekz. "Libro por la tagoj" fariĝas "TAGLIBRO". La flankelemento, "tag", el "por la tagoj", kungluiĝas kun sekvanta ĉefelemento "libr", sekvata de la finaĵo "-o". La nederlanda diras "dagboek". Alia ekzemplo: "Tablo de la kuirejo" fariĝas "KUIREJTABLO". La angla diras "kitchentable". Nur la angla ofte ne kungluas la du elementojn, sed ĝi tamen obeas la reston de tiu regulo, kaj metas nenion inter la du elementojn. Ĝi ankaŭ strikte obeas la regulon ke la ĉefelemento situas laste, antaŭ eventuala finaĵo. Jen pliaj ekzemploj: Tablotuko; ferioplano; matenmanĝo; naskiĝtago; festparolado.

2a SPECO: Verbo (la ĉefelemento) kungluiĝas kun Prepozitivo (la flankelemento) post la flankelementoj, kun la finaĵo laste. Ekz. "Fiŝi kun reto" fariĝas "RETFIŜI". Notu ke krom la

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

eventuala sensignifa "-o", troviĝas nenio inter la du elementoj: Tramvojaĝi aŭ Tramovojaĝi. Aliaj ekzemploj: Kapjesi; manpremi; bastonetmanĝi.
3a SPECO: Adjektivo (la ĉefelemento) kun Prepozitivo kungluiĝas, la ĉefelemento post la alia(j). Ekz. "Taŭga por infanoj" fariĝas "infantaŭga" kaj "ofta pro akcidentoj" fariĝas "akcidentofta. Aliaj ekzemploj: "Financklera; batalpreta; domutila".

Notu ke por la tri specoj eblas uzi, kiel flankelementon, prepozitivan Infinitivon, kiel en "Loko por naĝi > naĝloko"; sed tio estas natura, ĉar por infinitivo oni kutime povas uzi korespondan substantivon kun preskaŭ la sama signifo, kiel "Tempo por ludi > tempo por ludoj > ludotempo".

ESCEPTOJ. Same kiel en la etnaj aglutinaj lingvoj, en Esperanto oni ne povas fari kunmetaĵon, se la prepozitivo estas Pronomo. Do ne eblas "La ĉareto de la invalido > La ĉareto de li > La liĉareto" La tialo estas natura: La kunmetoj ne estus rekoneblaj pro la mallongeco de la pronomo.

Neke eblas, pro similaj kaŭzoj, frazoj kiaj "transriveriri" el "iri trans la riveron", kio ŝanĝiĝas al "rivertransiri". En tiaj kazoj, ekz. "subpontveturi" oni bezonas reteni la prepozicion en la kunmetaĵo, kio teorie eblas en ĉiuj kunmetaĵoj: "(por)tablotuko" kaj "(pri)geografiparolado".

4.a SPECO. Duonaglutina speco okazas, kiam la regulo ke substantivo ne rajtas kunmetati kun sia adjektivo ne aplikiĝas SE la rezulto NE estas substantivo. Ekz. el "ruĝa rozo" ne eblas "ruĝrozo", sed eblas, kaj ofte uzatas en Esperanto, la kunmetaĵoj "ruĝrozA kaj ruĝrozE kaj ruĝrozi". Ne ekzistas limito al ĉi tiu nesubstantiva kunmetado, escepte ke tio ne eblas ĉe pronomoj, pro naturaj kaŭzoj.
5.a SPECO. Same duonaglutina estas la kunmeto de verbo kun sia adverbo, se la rezulto NE estas verbo. Do NE "rapidkuri", sed eblas "rapidkure kaj rapidkura, kaj eĉ rapidkuro kvankam tre malofta.
6.a SPECO. Same duonaglutina estas la kunmeto de verbo kun sia gramatika objekto, sed nur se la rezulto NE estos verbo. Do NE "vintrinki", sed jes "vintrinke kaj vintrinka kaj vintrinko".
7.a SPECO. En Esperanto, sed ne en etnaj lingvoj, krome ekzistas aglutina kunmetado de ĉefelementa prepozicio kun flankelementa substantivo sia, ekz. "sur la monto" fariĝas "montsura', dum pro natura tialo ĉeestas la escepto, ke la ĉefelemento estas tro malgranda por ĉe la fino aperi kiel radiko, kaj do aperas antaŭ la flankelemento. Do "Surmonta (flago)" el "Montsura (flago)" kaj "Endoma (festo)" el "Domena (festo)". Same "surmonta kaj surmonte". Do ĉikaze temas pri naturaj esceptoj, ne pri duonaglutinecoj.
*Marcel Leereveld.*



# La aĉa lingva diskriminacio inter homoj



En AE412, AE413, ni diskutis diskriminacion.

# Defendo anta al Roger Springer.

*Marcel Leereveld*

Antaŭ du semajnoj Roger asertis:

"Nur Esperanto povos nuligi lingvan diskriminacion, ĉar ĝi ne havas kulturon aŭ denaskajn parolantojn en iu lando".

Mi centprocente samopinias kun ĉi supra aserto, kaj trovas ĝin konsidera, sincera, vera, kaj klera. Kial? **Jen la tialo al tiu kialo:**

La radiko "kultur-" havas plurajn najbarajn signifojn, el kiuj la tri precipaj estas la jenaj:

1e. Kultivi, bredi, plibonigi, bone eduki.

2e. Eduki speciale en la artoj kaj en rafinado de sciencaj kaj sociaj kutimoj.

3e. Speco de civilizo, de artaj kaj sociaj kutimoj.

La unua signifo esprimiĝas kaj uzatas precipe per verbo, kulturi. Oni parolas pri la kulturado ante plantojn, bestojn, kaj homojn. Se oni kulturas homojn, oni edukas ilin por plibonigi ilin precipe fizike kaj per ekstra edukado.

La dua signifo esprimiĝas precipe per adjektivo, kaj koncernas homojn kiuj estas tre profunde edukataj pri specialaj aspektoj de la vivo, speciale pri la artoj kaj pri sciencaj konoj. Tiu signifo uzatas precipe per adjektivoj, kaj oni parolas pri kulturitaj homoj, kiuj cetere ofte ne partoprenas en la ĝenerala kulturo. Ili estas preskaŭ aparta klaso, la elito.

La tria signifo reprezentas la komunan civilizon de unu popolo, la artajn kaj amuziĝajn specialajn kutimojn kaj sociajn aranĝojn, ofte pri festoj kaj artformoj. Celante ĉi tiun signifon de la vorto "kulturo" oni kutime aludas al ĝi per substantivo. Oni parolas pri la kulturo de certa lando aŭ de certa popolo, kaj ĝia signifo rilatas al la tuta socio de popolo, eĉ al tiuj en la popolo kiuj ne partoprenas en la ĝenerala kulturo, AŬ pro eliteco AŬ pro fremdeco.

Laŭ mi klaras, ke kiam Roger kaj aliaj uzas la vorton "kulturo" en siaj lastaj asertoj, ili referencas al la tria speco de kulturo, al la specifaj kutimoj kaj komunaj okupiĝoj de unu popolo, ofte malsamaj al la kulturo de la aliaj popoloj kaj landoj. Se tio estas la kazo, ni devas iomete pliprecizigi tiun kulturon, tiun specon de civilizo. Parolante pri la kulturo de Esperanto, mi trovas ke tio ne povas koncerni la unuan signifon de "kulturo", ĉar ne temas pri la edukado de certaj Esperantistoj. La Esperantistoj ne praktikas tiun kulturadon de siaj membroj. Ĝi neke povas koncerni la duan signifon, ĉar ne temas pri fari la Esperantistojn pli artismaj aŭ pli elitaj ol la reston de la homaro.

Do se la signifo de la "kulturo" menciita de Roger kaj aliaj, nome la specialaj kutimoj, artoj, kaj vivkonceptoj de popolo, ni devas povi indiki tiujn kulturaĵojn. Ni devas:

1e. povi indiki la plurajn kutimojn kaj priskribi ilin;

2e. povi klare indiki kiu estas la popolo kaj kiu estas la lando.

Civilizo kaj kulturo estas parto de socio, ĉar ili estas sociaj fenomenoj. Sen aparta socio kaj aparta popolo kaj aparta lando la kulturo ne povas ekzisti. Ĉiu membro de popolo, ĉiu

membro de lando, apartenas al la landa kulturo, eĉ tiu malplimulto kiu ne partoprenas en la kulturo tamen agnoskas kaj konsideras la ĝeneralan kulturon. Mi estas aŭstraliano, mi tamen ne partoprenas en la plejmulto de la aŭstralia kulturo, sed mi tamen akceptas tiun kulturon kiel realaĵon en kiu mi vivas, kaj respektas la kulturon kiel aŭstralian. Mia kulturo ne estas aŭstralia, ĝi estas elita, sed mi apartenas al nur malgranda parto de Aŭstralio, kies kulturon mi akceptas sed ne uzas.

Esperanto, ĉar lingvo, ne povas havi kulturon. Nur la Esperanta popolo kaj la Esperanta lando povas havi unuecan kulturon.

Do kie estas la popolo kiu havas tiun speciale Esperantan kulturon, kutimojn kaj civilizon? Ĉu la kelkaj miloj de elnaskiĝaj Esperantistoj kiuj poste akceptadas la kulturon de la popolo inter kiu ili vivas? Kaj kio pri la milionoj da nenaskiĝintaj Esperantistoj? Ĉu tiuj fordonis sian nacipopolan kulturon? Ĉu temas pri la kelkaj tipe Esperantaj kantoj kaj literaturo? Ĉu temas pri la komunaj stultaj esprimoj de krokodili, spekti, korifeoj, datrevenoj, kaj kelkaj aliaj tiaj malesperantaj inventoj? Ĉu ne estas idiota kompari tion kun la grandaj civilizoj kun siaj riĉaj kulturoj? Krome, kie estas la lando kie la kulturitaj Esperantistoj kune loĝas? Ĉar kune loĝi ni bezonas por kune kreskigi nacian kulturon. Rigardante la riĉajn kulturojn en la mondo, mi trovas malrespekta paroli pri Esperanta kulturo sen kune vivanta popolo kaj sen unuiganta lando. Ni ne pensu tro pri ni mem: en la kadro de la popoloj kaj landoj en la mondo ni Esperantistoj estas nur nerimarkata punkto malforta. Ni eble fariĝos gravaj pro niaj eventualaj grandaj sukcesoj pri la lingvo, sed ne pro nia kulturo, se ĝi ekzistos. Mi invitas la kulturesperantistojn priskribi, aŭ almenaŭ mencii, la plurajn karakterizaĵojn kaj la riĉajn erojn de la Esperanta kulturo, same kiel oni povas priskribi la riĉan kulturon ekzemple de la bulgara popolo. Sed memoru: kulturo en tiu senco bezonas almenaŭ teritorion kun unuece kulturanta popolo, kaj tradukita literaturo estas kulturo nur por la origina lingvo.

Krom ke mi ne vidas kulturon en Esperanto, mi tre ĝojas ke ĝi ne ekzistas, ĉar kun kulturo la Esperanto-mondo fariĝus alia nacio, perdinte sian neŭtralecon kaj sian kapablon esti fidinda tradukilo por interpreti la kulturon de unu popolo al alia popolo.

Do, gratulojn, Roger. *Marcel Leereveld.*

P.S. Mi komprenas ke per "Esperanto ne havas denaskajn parolantojn en iu lando" Roger volas diri ke ne ekzistas iu lando kie Esperanto estas la nacia (denaska) lingvo. *M.L.*

## Alia Respondo *Utho Maier*

Kara Roger, kun miro mi legis vian respondon kaj tute ne povas konsenti.

Se homoj eksteraj argumentas, ke Esperanto ne estas lingvo, ĉar ĝi estas morta kaj ne viva, ke ĝi havas nek kulturon nek denaskajn parolantojn, tiam oni povas pensi je si mem, ke ili estas stultaj aŭ insidemaj aŭ malicaj, ĉar ili aŭ tute ne informiĝis aŭ kredis al falsaj asertoj aŭ simple celas provoki.

Sed kompreneble oni ne diru tion al ili kaj tute ne en tiu formo!

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

Same oni nepre devas doni en sobra etoso bonajn argumentojn, kiuj estas ne-kontesteblaj.

Ĉiukaze oni ne taksu tion kiel ne-signifan miskomprenon, ĉar ĝuste tio konfirmus ilian starpunkton: jes mi pravis, se eĉ movadano ne kontestas mian imagon, do ili ja implicite konfirmas mian sintenon, ke "miaj faktoj" estas la plenrajtaj kaŭzoj, pro kiuj oni ne lernu lingvon mortan.

Komprenu bone: mi ne pledas al misionado; ni ne provu konvinki la homojn, sed ni celu doni taŭgajn informojn al ili, por ke efiku la pripensado. Nia celo nur estos atingita, se poste la homoj (pro la ricevitaj informoj) mem konintiĝas pri la pozitiva flanko de la afero.

Nur tio, kion mi mem volas ellerni, bone enradikiĝas en mia menso kaj konvinko.

Viajn aldonitajn demandojn pri kulturo mi ne respondas detale, ĉar mi taksas tion kiel demandon retorikan. Ne indas, nun ripeti ĉion, kio jam estas skribita pri la temaro.

Nur tiom:

La nocio kulturo ja aperas en diversaj medioj: en la filozofio, sociologio kaj en la kultursciencoj.

Se oni asertas, ke al Esperanto mankas propra kulturo, tiam ne temas pri la ĝenerala nocio, sed precize pri la Esperanto-kulturo.

En Polando oni eĉ agnoskis, ke Esperanto estas parto de la nemateria kultura heredaĵo (https://www.esperanto.torino.it/wp/?p=1517).

kp. ankaŭ Grzybowski, Przemysław Paweł: Materialoj pri Esperanto-kulturo. Lingvo kaj movado, 1999 https://repozytorium.ukw.edu.pl/bitstream/handle/item/214/Grzybowski%20-%20Materialoj%20pri%20Esperanto-kulturo.pdf?sequence=1&isAllowed=y

https://www.researchgate.net/publication/299854101_Materialoj_pri_Esperanto-kulturo_-_Lingvo_kaj_movado_Materialy_o_kulturze_esperanckiej_-_jezyk_i_ruch_esperancki_skrypt

kaj

Ronald J. Glossop, ILEI-konferenco, Kaunas, Litovio, 4 Augusto 2005, LA KULTURO DE ESPERANTO http://www.icxlm.org/kulturoe.htm au www.ilei.info/ipr/ipr054.pdf

Mi finas tie, ĉar ne estas senfina tempo por trakti la temon. *Utho Maier*

# Alia Respondo

Permesu al mi Sinjoroj Roger Springer kaj Utho Maier iom ovoŝeldelikate eniri la diskuton inter vi du, kiuj sendube ambaŭ taksas tutsimile la valoron de Esperanto. Nur la vortesprimoj malsamas. Ĉu eble la miaj estas pli akcepteblaj?

*Nur Esperanto, kiel komuna interlingvo, povus nuligi lingvan diskriminacion, ĉar ĝi estimas egale ĉiujn naciajn lingvojn, akceptas ĉiujn kulturojn, kaj kuraĝigas denaskan paroladon de la internacia lingvo kune kun la gepatra.* Vera Payne





***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

# Faru la KER-ekzamenon.

La elektita tago de la Tutmonda Ekzameno estas la 15a de junio.

Tio signifas, ke en tiu tago eblas okazigi ekzamensesion en ajna loko de la mondo eĉ por malmultaj personoj.

Ni proponas ĉefe skribajn ekzamenojn, sed se la kondiĉoj bonas por reta konektiĝo eĉ parola sesio realigeblos.

Tiuj, por kiuj la dato de la tutmonda tago ne estas taŭga povas aliĝi al alia, jam fiksita ekzameno.

En tiu ĉi paĝo vi povas vidi kiuj estas la jamaj datoj. https://edukado.net/ekzamenoj/ker/sesioj

Estas jam 2242 diplomitojn en 74 landoj.

https://edukado.net/prie/sinprezento/statistiko?tipo=kandidatoj

Informoj pri la ekzamenoj estas ĉi tie: https://edukado.net/ekzamenoj/ker

Pri la kondiĉoj okazigi sesion vi povas legi en tiu ĉi paĝo:

https://edukado.net/ekzamenoj/ker/organizantoj

La interesiĝantoj bv. kontakti Katja Steele (katja.steele@gmail.com).



*Katja Steele*





# El Melburno

Niaj Lundvesperaj Kunvenoj

# La Melburna Esperanto-asocio

"Ni havas novan programon por niaj lundvesperaj kunvenoj.

- La unuan lundon en la monato ni planas prelegojn/kunsidojn
- La duan lundon en la monato ni planas ludvesperon
- La trian lundon en la monato ni havos pico-vesperon kaj konatiĝon al Esperanto
- La kvaran lundon en la monato ni daŭre tradukos la libron *1001 Noktoj*
- La kvinan lundon en la monato (se estas) ni koncentriĝos pri gramatiko

Dum nia una prelega vespero Joanne donis interesan prelegon pri la historio de elektronika muziko kaj Heather prelegis pri la Portugala kantstilo "Fado" kaj pri la Koimbra Universitato, kiun ŝi vizitis post la UK en Portugalujo.

Dum nia unua ludvespero ni bonvenigis du novajn komencantojn kaj Miny Massur, Esperantisto el Nederlando.



Ni esperas ke nia nova programo, ne nur allogas novajn lernantojn sed ankaŭ ke ili ofte revizitos la klubon."

Amike *Heather Heldzingen*

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

***Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.*** rspring@tpg.com.au









Kara aŭstralia Esperanto-familio, ĉu ankaŭ vi ricevis librojn kiel donacojn de antaŭaj Esperantistoj? Ĉi semajne BES ricevis kelkajn librojn, broŝurojn de la biblioteko de Jack McBride. Ĉu vi memoras lin? BES estas tre feliĉa ricevis multajn librojn ofte. Bonvolu vidi bildon. Mi tre interesiĝas pri la Esperantistoj, kiuj laboris por nia mirinda lingvo. *Peter Danzer*



***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***





**3ZZZ** La vivantaj esperantistoj estas la ponto inter la pasintaj esperantistoj kaj la estontaj esperantistoj. Do tre gravas lasi dokumentojn ( raportojn, fotojn, ktp) tiel ke la posteŭloj sciu pri kio okazis antaŭ ili. Tiucele Katja Steele kaj Charles Stevenson kolektas informojn . Aŭskultu la intervjuon de Katja Steele en la elsendo de la 18a de februaro por havi pli da detaloj.



*Franciska Toubale*



# Aŭstralia Esperantisto en Israela televidelsendo



Ĵus estis tre bona 11 minuta elsendo pri Esperanto en la Israela televido. Ni eĉ vidas aŭstralian esperantiston el Melburno (Bernie) kiam li rolis kiel Zamenhof. Ŝajne iuj eĉ ne konscias, ke li ne estas la vera Zamenhof! La elsendo estas en la hebrea, tamen ni povas aŭdi multe da Esperanto.

https://www.youtube.com/watch?v=SNnm6YTNdF8



Amike, *Nicole Else*



# La Kluboj http://aea.esperanto.org.au/local-groups/

**Brisbana Esperanto-Societo** Petro Danzer **Tel:** 0402 766 557
**Retpoŝto:** brisbane@esperanto.org.au

**Central Coast and Newcastle Esperanto Club** Joanne Cho Tel: 0413 087 340
Retpoŝto: centralcoast@esperanto.org.au

**Esperanto Coffee Club of Canberra** Hugh Malcolm Tel: (02) 6288 4334
Retpoŝto: canberra@esperanto.org.au

**Esperanto Federation of New South Wales** Tel: (02) 9319 4775
Retpoŝto: nsw@esperanto.org.au

**Esperanto in South Australia** Indrani Beharry-Lall Tel: (08) 8285 3128
Retpoŝto: sa@esperanto.org.au

**Esperanto League of Western Australia** Shayne Power Tel: (08) 9343 9532
Retpoŝto: esperantowa@hotmail.com

**Manly Esperanto Club** Roger Springer Tel: (02) 9976 6320
Retpoŝto: manly@esperanto.org.au

**Melbourne Esperanto Association** Heather Heldzingen Tel: (03) 9525 4295
Retpoŝto: melbourne@esperanto.org.au

**Tasmanian Esperanto Society** Kam Lee Tel: (03) 62251474
Retpoŝto: tas@esperanto.org.au

**Torquay Esperanto Coffee Club** John Adams Tel: (03) 5261 2899 / 0421 043 272
Retpoŝto: torquay@esperanto.org.au

**Tuvumba Esperanto-Societo** Hazel Green **Tel:** (07) 4691 1238
**Retpoŝto:** toowoomba@esperanto.org.au

**Se informon pri via klubo mankas aŭ eraras informu min.** *Roger Springer* rspring@tpg.com.au

